YU ISSN - 0352-1583

# TEMPO

4

1989

ČASOPIS SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE

INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIĜO

## 1980 - 1990




















Eŭropo skue, rapide kaj profunde ŝanĝiĝas. Samtempe ĝia oriento kaj okcidento (kaj la sudo, komprenele). Ŝajnas ke nun estas tiu limomomento dum kiu oni povus facile ekpaŝi paradizcelen aŭ inferen. Kien do?

Tro da infero oni jam spertis ĝis nun. Do, ni prave esperu kaj klopodu pri la paradizo. Komuna lingvo helpas krei ĝin. Pri tio ni estas konvikitaj. La kreivaj momentoj ĉiam estas fascinaj. Ni sentu kaj dividu ilin kune.

La celoj kaj la revoj prezentitaj per la ĉi-supraj simboloj validu ne nur por la Eŭropa Komunumo, sed por la tuta Eŭropo kaj la tuta mondo.

ŜI


# TEMPO

ZAGREB - **1990. 03. 28.**

broj / numero: **43**
godina / jaro: **X**
broj primjeraka / ekzempleroj: 1 000

osnivač i izdavač / fondinto kaj eldonanto

**SAVEZ ZA ESPERANTO HRVATSKE**
**KROATIA ESPERANTO-LIGO**

savjet glasila / konsilantaro

Josip BRKANAC, Milan KOČIŠ (predsjednik/prezidanto), Irma KOVAČIĆ, Ivo OSIBOV, Ivica ŠPOLJAREC.

članovi uredništva/ redakcianoj

Sanja LAZIĆ, Ljiljana PRANJIĆ, Neven PUFNIK, Ivica ŠPOLJAREC i Zlatko TIŠLJAR.

glavni i odgovorni urednik / ĉefredaktoro
grafičko uređenje / grafika aranĝo

**Ivica ŠPOLJAREC**

adresa redakcije / redakcia adreso

Savez za esperanto Hrvatske (za „Tempo")
Amruševa 5/1, YU-41000 Zagreb, Jugoslavio
tel: (38) 041/ 424-660
žiro račun: 30102-678-4863

izlazi tromjesečno / aperas 4-foje jare

cijena 1 primjerka / prezo de 1 ekzemplero
7,00-din

godišnja pretplata / jarabono
25,00- din enlande / 9 ngld eksterlande

slaganje i tisak / kompostis kaj presis

Međunarodni centar za usluge u kulturi
Internacia Kultura Servo - IKS
Amruševa 5/1, Zagreb

„Tempo" primaju svi članovi Saveza za esperanto Hrvatske s uplaćenom članarinom za tekuću godinu.

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvjetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 04. 1980. godine, časopis Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođen je poreza na promet proizvoda.

# "LA FIN' ĈIAM KOMENCO ESTAS"*

Per tiu ĉi optimisma verso mi, kiel redaktanto de "Tempo", adiaŭas vin. Dekjara okupiĝo kaj zorgo pri ĝi postlasas pli ol 1000 redaktitajn paĝojn en 43 kajeretoj kun sume 77.000 ekzempleroj , sed, espereble, ankaŭ iujn spurojn en la mensoj de la legantoj kaj iom da informoj al la historiistoj pri niaj deziroj, faroj kaj klopodoj antaŭenigi esperanton.

1980 - 1990




Foliumado de la malnovaj numeroj respegulas miajn komencajn erarojn, nespertecon, nescion, nelertecon ktp., sed ankaŭ ĉiujn eksterajn obstaklojn, kiel ekzemple: monmankon, tempomankon, teknikajn malfacilaĵojn, sociajn kaj movadajn krizojn, homajn malicojn kaj simile. Sed "Tempo" travivadis kaj mi ĝojis pri ĉiu noveldonita numero.




La plej multo de redaktantoj de esperantaj informiloj , kie ajn en la mondo, fakte samtempe estis, aŭ estas, sol-redaktantoj, teknikaj kaj grafikaj aranĝantoj, distribuantoj, administrantoj kaj foje eĉ presistoj. Granda entuziasmo, energio kaj laboro de tiuj homoj, kiuj nutras la nervan sistemon de la movado, ofte estas bone kamuflita kaj kaŝita malantaŭ la fina produktaĵo. Post la dekjara sperto pri ĉio ĉi, mi sincere estimas kaj vere admiras ilin, kaj mi pli profunde sentas gravecon kaj valoron de ilia laboro.

Estas momento por rememori pri du homoj, kiuj forpasis, sed kies influo al "Tempo" estis signifa kaj instiga. **Ivan Flanjak**, kiu per sia freŝa esperantista entuziasmo kaj ĵurnalista sperto kunkreis ĝin, kaj **Nikola Šegota**, kiu kiel unu el la plej aktivaj prezidantoj de KEL, alte taksis ĝin kaj kun intereso zorgis pri ĝi.




Fine mi deziras esprimi mian dankon al **Spomenka Štimec** kaj precipe al **Zlatko Tišljar** sen kies helpo, morala instigo kaj kontribuaĵoj, dum plenaj dek jaroj, nek mi eltenus redakti nek "Tempo" povus egzisti tia kia ĝi estis.

Dankon ankaŭ al ĉiuj vi, kiuj emis legi ĝin kaj ĉerpi el ĝi. Mi esperas ke tiuj kiuj estonte zorgos pri "Tempo" provizos vin pli regule kaj pli kvalite per pli bona enhavo.

ivica špoljarec - štef

* verso el la poemo de Jure Kaštelan (vidu la paĝon 23)

# ESPERANTO

# EN KAJ EKSTER FAMILIO

*Zsuzsa kaj Ernö CSISZAR estas hungara geedza paro kiu sukcesis ĉiun sferon de sia vivo plenigi per Esperanto. Ŝi instruas Esperanton en baza lernejo kaj li en gimnazio. Ili havas du filinojn, kiuj alpropriĝis la lingvon Esperanto kaj la vivmanieron esperantan denaske. Tra dek jaroj ili organizadis regionajn Renkontiĝojn de Esperantistaj Familioj.*

*Pri iliaj spertoj instrui Esperanton kaj vivi esperante intervjuis ilin B. Vaha.*

---

*Demando: Kial vi decidis eduki viajn infanojn en Esperanto?*

Respondo: – Oni povas ofte humiliĝi pro nescio, pro komunika inerteco. Neniu ŝatas esti en societo, ne komprenante la interparoladon. Ankaŭ interpretistoj povas ne plene kontentigi ĉiujn: ili ne povas, eble eĉ ne volas klarigi senmanke la dezirojn kaj ideojn, ili tradukas arbitre, ili eble eĉ nebuligas la situacion. Do ni ne volis, ke niaj infanoj estu ĝenataj inter ne hungarlingvaj geamikoj, dum ili kun ni lingve interkomunikiĝas kaj bonfartas.

Certe estis ankaŭ aliaj kialoj, kelkaj subkonsciaj, aŭ eĉ ne raciaj. Iu usonano demandis la direktoron de dulingva (hungara-angla) gimnazio: Kial oni finfine ne forlasas poreterne la hungaran lingvon? Li pro surpriziĝo nur balbutis. Ĉi-kaze la celo estas evidenta: ĉiupreze, laueble plej perfekte alproprigi la anglan, senkompromise adaptiĝi al angla-lingva socio, poste vivteni sin surbaze de la akirita lingvo-scio. La respondo povas esti ne racia: Hungaroj flegas ankaŭ la hungaran lingvon, ĉar ili estas hungaroj; ni, esperantistoj alpropriĝas Esperanton kune kun niaj familianoj, ĉar ni estas esperantistoj: kvankam ni apartenas al lingva malplimulto, samkiel la hungaroj kompare al la angle parolantoj, almenaŭ inter la samsortanoj ni bezonas ĝin.

*– Kiujn planojn vi havis, komencante vian Esperanto-agadon, kaj kiom vi modifis ilin, alfrontante problemojn de la efektivigo?*

– Ĉekomence – antaŭ jam dudek jaroj – mi havis fortan emon labori plenenergie, por Esperanto. Kiel profesia instruisto mi estis devigata instrui geografion kaj historion laŭ strikte difinitaj direktivoj. Same, kiel multaj aliaj,

ankaŭ mi indigniĝis ne malofte pro la devo partopreni en agado, kiu estis efektiva krimo kontraŭ la juna generacio: pro evidentaj mensogoj, pro semado de antihumanaj ideoj, pro fortigo de konataj ŝovinosmo kaj rasismo. Do mi sopiris instrui lernindaĵon, kiu ne estas influata de politiko, kiu enhavas moralan valoron, krome iusence ankaŭ praktikan valoron, almenaŭ en malvasta rondo de homoj diversnaciaj. Neniam mi povis akcepti la ideon: disvastigi Esperanton ekster la familio, sen havi ĝin en la familio: instrui la lingvon al fremdaj infanoj, ne instruante ĝin al la propraj. Ankaŭ ne ties malon: izoliĝi de la socia medio, rifuzi helpon al tiuj, kiuj emas okupiĝi pri Esperanto.

Ekde la frua esperantistiĝo mi senĉese instruas Esperanton en miaj laborlokoj: unue en Abaujszanto, poste en Varpalota: ne laŭ lernejaj formoj, sed libermane, libervole. Tiu ĉi laboro por mi estis grandparte kromlaboro, tamen ĝuo, fonto por pleniĝi de freŝa energio je pedagogia laboro. Ĉi-rilate veraj problemoj neniam bremsis min. Malagrablaĵojn, ĝenojn alportis la pseŭdoesperantistoj, la fuŝe organizita movado.

*– Kiel, laŭ via opinio, en la Esperanto-movado proporcias kaj interefikas laŭregula, laŭstatuta organiziĝo kaj spontanea kunlaboro de esperantistoj? Kiel, laŭ via opinio, tiuj du sferoj devas kunekzisti?*

– Tiuj ĉi du senmanke kompletigas unu la alian, kune konsistigas unuon de konstruo kaj detruo. La esperantismo mem, ofte nekredeble obstina laboro de tre malmultaj esperantistoj allogas, entuziasmigas multajn personojn, kiujn poste la movado rapide fortimigas – precipe la bazaj unuoj: fetoranta inerteco, krianta senkompetenteco pri propraj aferoj. Aldoniĝas krome nacia surtuto – de movado, kiu devus esti senkompromi-se internacia; kaj politika karaktero – de fenomeno, kiu povus normale kreski nur sur la bazo de neŭtraleco. La landaj asocioj finance kaj morale dependiĝas – en kelkaj landoj de Orient-Eŭropo – de mortvunditaj politikaj monstroj. En tiuj asocioj unuopaj esperantistoj povas senti, konsideri sin kvazaŭ minoritatanoj, kies lingvo estas subtaksata kaj ne uzata, kies interesoj, la plej esencaj estas flankenpuŝataj. Ĝis ne determinos la konvinkiĝo nian agadon, nome tio, ke kreskaĵo ne povas vivteni sin sen humo, same ne la societoj de esperantistoj sen la aero de internaciismo, restos kaj regos la kontraŭdiro inter la menciitaj du sferoj.

*– Mi scias delonge, ke vi, Ernesto, alte taksas ankaŭ sen-subtenan vivmanieron, sporton. Kiel vi povas kunligi vian sporto-ŝaton kaj vian Esperanto-ŝaton?*

– Kiel multaj aliaj, iam ankaŭ mi mem sutbaksis kaj la "faritan lingvon", Esperanton, kaj la kuradon inter la sportobranĉoj. Hazardo kondukis min al Esperanto; kaj esperantistoj al sporto. Se oni liberiĝas el sub la premo de kelkaj antaŭjuĝoj, iagrade oni povas ŝanĝi siajn kutimojn. Sporto helpas subteni fizikan bonfarton, Esperanto kontribuas al la flegado de morala, estetika kaj intelekta sferoj de la ĉiutaga vivo. Ĉi-rilate kontraŭdiro ne ekzistas. Inter esperantistoj esence pli multaj sportas kaj aspiras eŭropecan vivo-stilon ol inter aliuloj – almenaŭ en Orient-Eŭropo. Mi mem simple volus sekvi sekvindajn ekzemplojn, ofte sperteblajn en la rondoj de

esperantistoj.

*- Dum ni aliaj ofte nur diskutas pri ebloj instrui Esperanton, vi ambaŭ tre insiste instruas ĝin. De kiam kaj kiukadre, kiurajte vi instruadis la internacian lingvon Esperanto?*

- Pri la instruado de Esperanto mi jam parolis. Ŝajnas al mi, ke oni emas troigi la ekzistantajn problemojn, oni timegas pro imagataj malhelpoj, pro elpensitaj idoloj. Oni malŝparas nekredeble multe da energio por komplikigi la situacion koncerne al instruado de Esperanto. Ĉi-rilate gravas nure laboro, senĉesa kaj la atingoj videblaj. En la lernejaj kadroj mi provis ĉiujn eblajn formojn de instruado kaj mi rapidis forlasi ĉiun el ili. Ni preferas ne uzi "grandajn" vortojn, mi ne ŝatas paroli pri venkoj, precipe ne pri la fina venko. Nin hungarojn jam satigis venkoj. Tamen - ni komprenu fine, ke sub nia nazo troviĝas ŝanco mirakle konvena. Dekoj - jes, kelkdekoj, kiuj cetere ekzistas - da sindediĉaj instruistoj - esperantistoj povus en tre mallonga tempo dekobligi la nombron de gelernantoj, kiuj nun lernas Esperanton en la kadro de elektita deviga lernobjekto. Dekobligo plene sufiĉa je poreterna radikiĝo de Esperanto en la hungara lerneja sistemo. Ili povus en tre mallonga tempo fari el Esperanto la plej allogan kaj la plej ŝatatan lernobjekton, samtempe ili povus helpe de faktoj silentigi la malamikojn de Esperanto.

Hungaraj instruistoj - esperantistoj nun ne estas devigataj almozpeti. Tute male: nun oni bezonas la komplezon, la helpon de diplomitaj instruistoj de Esperanto: lernejaj direktoroj, gepatroj kaj precipe la gelernantoj mem. Tiuj ĉi lastaj memkompreneble volus liberiĝi de la rusa lingvo. Laŭ la pasintseptembra sperto 70-80%-oj de la gelernantoj elektus (kie oni decidis enkonduki esperanton, ili vere elektis) Esperanton - kiel devigan lernobjekton anstataŭ la rusa.



En gimnazioj, kie estas devigata la lernado de du fremdaj lingvoj la gelernantoj sendube pli volonte lernas la anglan kun esperanto ol iun ajn alian lingvo-paron. La kaŭzo - mi supozas - ne bezonas klarigon.

Se Esperanto kaj la angla estas instruataj laŭ pli-malpli samaj kondiĉoj, dum kelkaj semajnoj - mi parolas pri miaj propraj spertoj evidentiĝas forta kontraŭdiro, tute ne danĝera al Esperanto. Entuziasmon baldaŭ sekvas humiliĝo, pro lerno-malsukcesoj. Instruistoj pri la angla komencas plendi: la gelernantoj estas tro stultaj, tro mallaboremaj kaj tro impertinentaj. Dume instruisto de Esperanto povas silente ĝoji. Infanoj kaj junuloj kiuj estas subtaksataj - kiel maldiligentuloj, kiel malbonkapabluloj - ja tiom evidente bezonas

digesteblan intelektan nutraĵon, kiel ĉiutagan panon. Vole–nevole, iom post iom, ili komencas kredi al la subtaksado, ili perdas sian memfidon. Tamen nenio povas ilin malhelpi dum adaptiĝo al alia lerneja situacio, kie pruviĝas, ke tiuj samaj gelernantoj estas tamen ne malinteligentaj, ili estas ne malkapablaj je multatinga, sukcesa cerba laboro. Pruviĝas krome, ke eblas elteni bonkondute, eĉ bonhumore semajne tri mallongajn instruhorojn de Esperanto.

Respondante je la demando, mi konfesas al Vi, ke mi faris nenion strangan, aŭ nekutiman, mi simple lasis, ke drivo portu min. La gelernantoj, la gepatroj, mia direktoro mem volis, ke mi instruu Esperanton devige, do mi subiĝis al ilia volo.

Estas tre feliĉe, ke dum la instruado mi havas liberajn manojn. Nome, oni lasas min labori, oni superflue ne kontroladas min, oni ne ĝenas min per senĉesa postulado plenumi formulojn, oni ne igas min je ŝajna laboro. Tiel mi povas same agi, kiel hejme, inter la familianoj. La lernejo ĝenerale trudas helpon al tiuj – ĝis mortiga dozo – kiuj ne bezonas ĝin; kaj la lernejo rifuzas apogon, intervenon ĝuste tiam, kiam la bezono danĝere multiĝas. Nur tiam kaj nur tie mi ŝatas helpi, kiam kaj kie ia bezono de helpo klare evidentiĝas. Deko da gelernantoj – krom la menciitaj tri instruhoroj – preskaŭ ĉiutage atendas min en la lernejo matene, antaŭ la instruhoroj, por dudek–tridek–minuta ekzercado ilia pri la lingvo. Je ĉi tiu laboro min neniu devigas, same neniu devigas la gelernantojn veni tien. Antaŭvideble post unu, maksimume post du jaroj ili jam ne bezonos mian helpon kaj ili ĉesos entrepreni tiun libervolan kromlaboron. Tiam mi ne ofendiĝos. Eĉ pro tio mi ne ofendiĝos, se ili rifuzos aliĝi al la movado kaj ili fine ne fariĝos esperantistoj. Esperantistigo ne estas mia eduko–celo, mi nur volus – evitante mensogajn promesojn – helpi iom, ke ili povu fariĝi pli indaj je la nomo "homo".

*– Vi ambaŭ verkis tezon – faklaboraĵon – pri esperanto. Prezentu mallonge viajn respektivajn temojn, kaj – mallonge – la konkludojn!*

– Ni ambaŭ planis verki faklaboraĵon pri temoj, kiuj havis rilatojn al niaj ĉiutagaj agadoj: edukado de infanoj. Juĵa vole–ne–vole fine estis kvazaŭ devigata elekti lingvistikan temon, pri la interrilatoj de lingvistikaj skoloj kaj artefaritaj lingvoj; mi mem strebis resumi spertojn koncerne al la elformiĝo de denaskismo en nia familio. Konklude mi volus mencii, ke infanoj povas alproprigi Esperanton senpene, kaj tiu ĉi facile akirita lingvo–scio estas konservebla ĝis adolesko; kaj dume intelektaj kaj moralaj avantaĝoj prezentas sin.



# ...IS ... AS ...OS

***IZ RADA ESPERANTSKIH DRUŠTAVA***

*Uređuje Neven Pufnik*

## IZ RADA SEH-a

U Zagrebu je 10.03.1990. održana redovna godišnja skupština Saveza kojoj je prisustvovalo 23 delegata i 7 gostiju. Na dnevnom redu bili su izvještaji o radu, dodjela priznanja, plan rada za 1990., opoziv i izbor novih članova Predsjedništva SEH-a, izbor glavnog urednika časopisa "Tempo", te rasprava o budućem organiziranju i djelovanju SEH-a. Za nove članove Predsjedništva koje sada broji 16 članova izabrani su: Ankica Jagnjić, Marija Belošević, Vjekoslav Morankić, Josip Pleadin, Radenko Milošević i Nenad Diklić. Za novog urednika "Tempa" izabran je Josip Pleadin. Priznanja Saveza za rad u prošloj godini dobili su ED "Varaždin", EK "Koko", ED "Dinko Šimunović" i Zagrebački esperantski savez. Posebno priznanje za 10 godina uređivanje časopisa "Tempo" dodijeljeno je Ivici Špoljarecu - Štefu. Posebno zanimljiva rasprava vođena je oko budućeg organiziranja rada Saveza. Zaključak je da će SEH i ubuduće biti nepolitička organizacija otvorena svim zainteresiranim bez obzira na njihovo političko opredjeljenje.

Prije skupštine održana je sjednica Predsjedništva na kojoj je najvažniji zaključak bio da se ukida radno mjesto profesionalnog tajnika i da će se tajnički poslovi obavljati volonterski. Da bi se osiguralo redovno obavljanje poslova za Savez, dežurstvo u prostorijama i sl. angažirat će se određeni broj novih osoba koje će obavljati te poslove i koje će za njih biti i simbolično plaćeni. Na slijedećoj sjednici Predsjedništva koja će biti održana 21.04.1990. u Zadru izabrat će se novi predsjednik jer se dosadašnja predsjednica Irma Kovačić zbog privatnih obaveza povukla s te funkcije.

## IZ RADA ZAGREBAČKOG ESPERANTSKOG SAVEZA

SEZ već više godina uspješno surađuje s esperantistima iz Bologne. Na 44. IJK u Zagrebu 1988. boravio je predstavnik tog grada prilikom čega je dogovorena konkretna suradnja. Na stranicama ZELANA redovito se objavljuju informacije o esperantskom životu u tom pobratimskom gradu Zagreba. Prošle godine Skupština grada Bologne dodijelila je priznanje SEZ-u za suradnju. Bio je to povod da stotinjak esperantista iz Zagreba, Đurđevca i Pule borave u Bologniji u studenom 1989. godine. U gradskoj vijećnici Bologne upriličeno je svečano primanje. Zagrepčani su Bolognin poklonili vrijedan rad hrvoja Šercara, a kraći kulturno-umjetnički program

izvela je Vida Jerman. Tom prilikom potpisan je i protokol o suradnji oba grada. Prilikom odlaska Bolonjeza za Novu godinu u Budimpeštu, potpisano je zajedničko pismo upućeno gradovima, SR Hrvatskoj, Emiliji Romagni, SFR Jugoslaviji i Republici Italiji, te Evropskom parlamentu o potrebi uvođenja esperanta u škole i svakodnevni život.

SEZ je po drugi puta povodom Zamenhofovog dana organizirao literarni natječaj "Ivo Rotkvić". Na natječaj je pristiglo 39 djela autora iz Hrvatske, Srbije i Makedonije. Nagrađena su djela: Pjesmarica "Ilia tosto je nia kosto" Marka Petrovića, pjesme Nade Gollner "Du tasetoj" i "Mi petas vin", te knjiga "Ora girlando de poezivesperoj de Struga". Nagrede su podijeljene iz Literarnog fonda SEZ-a.

## ED "VARAŽDIN" – Varaždin

U prisustvu 30 članova održana je 19.01.1990. Godišnja skupština društva. Razmotren je financijski plan i plan rada za proteklu i za 1990. godinu. Predviđa se omasovljenje članstva organiziranjem novih tečajeva, pokretanje bolje suradnje s esperantskim društvima u zemlji i inozemstvu, kao i veće sudjelovanje na esperantskim susretima. Izabrano je novo Predsjedništvo u sastavu: predsjednik – Zdenka Ivek, blagajnik – Tihomir Engler, Svetozar Prica, Maja Kauzler, Alen Mudri, Dorian Tanuwiđaja i Snježana Rusman.

## ED "Dinko Šimunović" – Sinj

Na poziv esperantista iz Bugarske 31 član društva boravio je 06–12.11.1989. godine u gradovima Loveč i Pleven. Uz bogati program svakodnevno je održavan i trosatni tečaj esperanta. Prilikom putovanja u Bugarsku sinjani su posjetili i Društvo za esperanto "Ćele kula" iz Niša gdje su potpisali s domaćinom ugovor o budućoj suradnji.

Povodom proslave Zamenhofovog dana u Sinju je postavljena u knjižnici Doma mladih 10–15.12.1989. izložba "Sinj i esperanto".

## ESPERANTSKA BIBLIOTEKA U ZAGREBU

Već duže vremena u Zagrebu, Hrvatskoj i Jugoslaviji osjeća se potreba za jednom sistematskom i profesionalno vođenom i održavanom esperantskom bibliotekom. Na taj način knjige bi bile stručno obrađene i pristupačne širem krugu korisnika. Posao na pripremama za ovaj projekt koji zajedno provode ŠEH i Zagrebački esperantski savez već je započeo. O čemo se zapravo radi i što je do sada napravljeno moći će se čuti na otvorenom razgovoru o biblioteci koji će se održati 25.04.1990. u Zagrebu, Amruševa 5/1 s početkom u 19,30 sati.

# LERNEJA SITUACIO EN KROATIO EN 1990

En la parlamento de Kroatio nun (printempo 90) okazas debatoj pri la ŝanĝoj de la lerneja leĝo. Oni deziras finakcepti la novan antaŭ majo ke ĝi estu aplikebla jam en la nova lernojaro ekde septembro. Nin - esperantis-tojn - aparte interesas la situacio pri fremdlingva instruado. La ĝisnuna leĝo antaŭvidas 1 devigan lingvon en la bazaj lernejoj sed la lernantoj ricevas de la lernejo konkretan lingvon (aŭ la anglan aŭ la francan, aŭ la germanan aŭ la rusan) ne povante mem elekti. La nova propono antaŭvidas ke la sola deviga lingvo estos la angla. Sed eblos fakultative elekti iun ajn el proksimume 20 lingvoj kiel la duan lingvon. Inter ili, almenaŭ laŭ la nuna propono, troviĝas ankaŭ Esperanto.

Tio signifas ke la lernantoj lernos la anglan, sed tiuj kiuj deziras povos elekti kiel la duan lingvon Esperanton kiel oficialan lingvon de la lernejo, ricevante ankaŭ notojn. Sekve, ĝi havos egalan rangon kiel ĉiuj aliaj lingvoj krom la angla. Tio certe estas pli bona pozicio ol ĝis nun, teorie. Tamen, ĉu ankaŭ praktike?

Estas verŝajne ke malmultaj klasoj entute elektos iun ajn kroman lingvon apud la deviga angla. Se jes, plej ofte temos aŭ pri specifaj cirkonstancoj (ekz. en Istrio oni certe kromelektos la italan ofte) aŭ pri deziro de pli kleraj medioj (kiam oni elektos plie la francan aŭ la germanan). Ŝancoj ke oni elektu Esperanton troviĝos nur tie kie krom la deviga angla instruisto troviĝos neniu alia krom la esperanta (kondiĉe ke oni faru ankaŭ sufiĉe viglan informadon inter la gepatroj). Sekve, ŝajnas al mi ke ni ne multon gajnos krom la pli bonan grundon por eventuala estonto kiam ekokazos internaciaj diskutoj pri eventuala enkonduko de Esperanto en Eŭropon.

Se en mezaj lernejoj (kaj pri tio nun ankoraŭ ne eblas scii) la nova sistemo antaŭvidus 2 devigajn lingvojn, tiam Esperanto havus grandan ŝancon, ĉar apud la angla multaj elektus ĝin kiel la duan pro ĝia facileco (vidu similan situacion nun en Hungario).

Nu, nian laboron ni faris. Niaflanke ni ellaboris proponon pri la lernprogramo kaj edukado de necesaj instruistoj, kaj tio nun troviĝas en la Parlamenta projekto. Iom da pacienco kaj ni eble baldaŭ aŭdos pri la rezultoj, se ne prokrastiĝos la leĝo pro la nova Parlamento baldaŭ elektota.

Z. Tiŝljar

# SKRIBI

## NE ESTAS SENPERSONA VERBO

Ofte oni aŭdas:

"En la gazeto skribas pri..."

"Ĉu io skribas en gazetoj pri la kongreso?"

"Kio skribas sur la tabulo?"

La verbo **skribi** ne estas senpersona verbo kiel ekzemple: pluvi, neĝi, hajli, okazi k.s. Do, oni ne povas diri "skribas", se mankas subjekto, ĉar "skribi" estas transitiva verbo. Kiu skribas? Necesas iu kiu la agon plenumas.

Kion oni volis diri per la supraj frazoj?

Ŝajnas ke oni ne pensis pri aktiva ago, sed pri la pasiva.

Uzante aktivon ni dirus:

"En la gazeto iu skribas pri..."

"Ĉu en gazetoj iu skribis ion pri la kongreso?"

"Kion oni skribis sur la tabulon?"

Evidentas, ke la verkinto de la supraj frazoj ne pensis pri iu ajn skribinto, sed pri la fakto ke **io ie estas skribita**, pensante nacilingve "piŝe", "u novinama piŝe", "na ploĉi piŝe".

Tiu nacilingva idiomo devas esti esperantigita per pasivo. Sekve ni devas diri:

"En la gazeto estas skribite pri..."

"Ĉu en la gazetoj estas io skribita pri la kongreso?"

"Kio estas skribita sur la tabulo?"



## 04 APRILO

| | |
|---|---|
| 11-17 | 14-a INTERNACIA JUNULARA FESTIVALO - San Giovanni di Valle Aurina, Bolzano, Italio. Temo "Ludoj". Inf.: Itala E-Junularo, via Villoresi 38, I-20143 Milano. |
| 13-20 | 6-a PRINTEMPA SEMAJNO INTERNACIA - montara vilaĝo Todtmoos, FRG. Porfamilia aranĝo. Inf.: H. Fischer, Gustav-Adolf-str. 2a, D-4418 Nordwalde. |
| 24-28 | UNUAJ KUNSIDOJ DE LA TUTMONDISMO "LA IĜANTA MONDO" - Tours, Francio. Prelegoj kaj debatoj pri paco, evoluo, ekologio, demokratio. Inf.: Organiza Komitato, Pf. 0631, F-37006 Tours CEDEX. |

## 05 MAJO

| | |
|---|---|
| 11-25 | ESENCIL (Eŭropa Seniora Celprogramo por la Internacia Lingvo) - Zadar, Jugoslavio. Feria programo por pliaĝuloj el diversaj landoj kun komuna lernado de Esperanto. Inf.: Internacia Kultura Servo, Amruŝeva 5, YU-41000 Zagreb. |
| 24-27 | 3-a KULTURA ESPERANTO-FESTIVALO, Vasteras, Svedio. Teatro, muziko, literaturo k.a. Inf.: KEF3, Brunnsgatan 21, S-11138 Stokholm |

## 06 JUNIO

| | |
|---|---|
| 01-04 | GERMANA ESPERANTO-KONGRESO - Freiburg, FR Germanio. Inf.: K. Gramelspacher, Rimsinger Str. 13, D-7812 Bad Krozingen 4. |
| 02-08 | 42-a IFEF-KONGRESO - Hamar, Norvegio. Fervojista kongreso. Inf.: Karudveien 1, N-2340 Loten. |
| 29-06 | INTERNACIA ESPERANTO-SEMAJNO - Nico, Francio. Inf.: Groupe esperantiste, "Les Hortensias 2", 121B Bvd. Napoleon III, F-06200 Nice. |

## 07 JULIO

| | |
|---|---|
| 04-09 | FESTIVALO DE INTERNACIA KULTURO kaj konferenco CELO KAJ STRATEGIOJ DE ESPERANTO-MOVADO. |

Informoj kaj aliĝoj: ESPERANTOTUR, Budapest, Pf. 193, H-1368.

14-20 INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO - 1990, Tinje/ Tainach, Karintio (Aŭstrio). Ĉeftemo: Esperanto kaj Ideologio. Adreso: Vinko Oŝlak, OSIEK, Viktringer Ring 25/I/3, A-9020 Klagenfurt. Tel. (o463) 51 27 10.

14-21 75-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - Havano, Kubo. Inf.: UEA, Nwe. Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

21-28 46-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO - Playa Giron, Kubo. Inf.: 46-a IJK, pk. 2018, C-10200 La Habana 2.

29-05 58-a INTERNACIA KONGRSO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ - Sarajevo, Jugoslavio. Temo "Specifeco kaj problemoj komunikaj de la vidhandikapuloj". Inf.: 58-a IKBE, ul. D. Ozme 7/IV, YU-71000 Sarajevo.

08 AŬGUSTO

4-11 63-a KONGRESO de S.A.T. - Linz, Aŭstrio. Inf.: Max Hollinger, Gruberstr. 65, A-4020 Linz.

31-04 **23-a PUPTEATRA INTERNACIA FESTIVALO (PIF)** - Zagreb, Jugoslavio. Inf.: I.K.S., Amruŝeva 5/1, YU-41000 Zagreb.

---

**Aranĝoj dum la tuta jaro**

- **Kultura Centro Esperantista (KCE)**, Pf. 779, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando.
- **Internacia Esperanto-Kursejo (Pisanica)**, Pf. 791, BG-1090 Sofia.
- **Diversaj turismaj aranĝoj kaj vojaĝoj** - "Esperantotur", str. M. Skłodowskiej-Curie 10, PL-85 094 Bydgoszcz.








Playa Girón

KUBO



HAVANO




## STUDI PER ESPERANTO EN BUDAPEŜTO

Post longaj preparlaboroj la Esperanto-fako de Budapeŝta Universitato Eotvos ofertas internacian korespondan interlingvistikan kurson **entute en Esperanto**. Se estos sufiĉe da aliĝintoj, ĝi komenciĝos en septembro 1990a. La trijara kursaro kondukos al **ŝtate rekonata diplomo**. Adreso: Eotvos-Universitato, Lingvistika katedro, Esperanto-fako, Pesti Barnabas u. 1, H-1364 Budapest V. Tel.: ..36/1/180966.

## KASTORA KLUBO AKTIVAS

Kastora Klubo estas Internacia Esperanto-Klubo de Amikeco, al kiu apartenas infanoj, gejunuloj kaj plenkreskuloj el 60 landoj. Kastora klubo helpas trovi korespondamikojn en aliaj landoj. Sufiĉas sendi al la klubo informojn pri familia kaj persona nomoj, naskiĝdato, sekso kaj interesoj. Al Esperanto-instruantoj, kiuj kunlaboras kun Kastora klubo, ni sendas senpage la kluban bultenon, kiu krom la informoj pri la kluba vivo enhavas facilajn legaĵojn, versaĵetojn, kanzonetojn. Multaj Esperanto-instruantoj uzas ilin kiel instru-helpilojn. Adreso: Kastora Klubo, Barbara Chmielewska, Pulawska 3-11, PL-02-515 Warszawa.

## KIEL KORESPONDI INTERNACIE?



En Japanio aperis Gvidlibro de Internacia Korespondado, speciale verkita por esperantistoj. Ĝia aŭtorino estas konata japana esperantistino Kikuŝima Kazuko - Krizantemo. La libreton eldonis Japana Esperanta Librokooperativo dulingve, paralele en la japana kaj Esperanto.

Korespondado en Esperanto estas la plej ofta, la plej alirebla kaj la plej intima maniero agi internacie per Esperanto.

La unua ĉapitro de la gvidlibro donas praktikajn informojn: ekz. kiel trovi korespondamikon (per kursgvidanto, per gazeta anonco, per koresponda servo).

La libro donas ankaŭ bazajn ideojn pri la internacie validaj kondutoj, kun la ĉefa penso, ke esperantistoj devas leteri laŭ la propra kulturo kaj ne laŭ alies kulturo. Ni devas teni en la menso ekz. ke ne ĉie en la mondo estas festataj la samaj festoj

kaj ke leterante, necesas klarigadi pri nia propra kulturo.

La libreto enhavas multajn praktikajn konsilojn: ekz. kiel titoli la adresiton, kiel skribi la daton por ke ĝi estu sendube komprenebla internacie.

Ĝi ankaŭ donas ĝeneralajn informojn pri la kategorioj de internaciaj poŝtaĵoj: letero. poŝtkarto, paketo, brajlaĵo. Apartaj ĉapitroj traktas temon: poŝtmarkoj kaj internaciaj Respond-Kuponoj.

La lasta ĉapitro parolas pri korespondaj servoj en Esperantio kaj kiel uzi ilin.

La libreto, ekiranta de japanaj spertoj, instruas nin kiel pensi internacie dum internacia korespondado per Esperanto. Ĝi ankaŭ donas praktikajn instrukciojn pri ekz. ordigado de leteroj dum korespondado kun multaj korespondantoj aŭ pri utiligo de uzitaj poŝtmarkoj.

Estus oportune, se korespondemuloj povus konatiĝi kun la pripensoj el la gvidlibro pri perletera internacia konduto.

S. Štimec

## BUDAPEŜTA INFORMILO

**BUDAPEŜTA INFORMILO**

"Budapeŝta informilo" aperas jam 20 jarojn. Ek de la 1-a de januaro 1990 tiu ĉi "internacia movada kaj kultura servogazeto" aperas **du foje monate**. Abontarifo por 1 jaro estas 30 nederlandaj guldenoj. Aboneblas pere de UEA aŭ ĉe la eldonisto. Adreso: Budapeŝta informilo, p.f. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

## ESPERANTO U TURSKOJ

Nakon višegodišnjih priprema nedavno je u Ankari osnovano Udruženje esperantista Anatolije. Novom udruženju nedostaje osnovna literatura na esperantu (knjige i razni časopisi) te kontakti s esperantistima iz drugih zemalja na području kulture i turizma. Adresa: S-ro Bekir Karayel, Anatolia Esperanto-Asocio, Bogazi Sok. 22/3 Gaziosmanpaša, Ankara.



## BULGARA ESPERANTISTO

"Bulgara Esperantisto" estas monata revuo de Bulgara Esperantista Asocio kiu aperas jam 58 jarojn. Ĝiaj 36 paĝoj ofsete presitaj estas informriĉaj kaj interesenhavaj. La revuo nun estas abonebla ankaŭ en Jugoslavio ĉe la peranto: Zoran Murgovski, "Dame Gruev" 65, 96000 Ohrid. Jarabono estas 32 nederlandaj guldenoj.

## ESPERANTSKI MUZEJ U IZRAELU

Esperantski klub Jeruzalema osnovao je 1988. godine Esperantski muzej u okviru Hebrejskog

svučilišta. Muzej posjeduje oko 3000 knjiga i više od 3000 primjeraka razne esperantske periodike. Adresa: Esperanto-Muzeo, Hebrea Universitato, Bejt-Hilel, Jerusalemo 91905. Israelo

## ESPERANTISTA GO TURNIRO

Antaŭ du jaroj komenciĝis la 2-a Internacia Koresponda Go Turniro kiun partoprenas 15 esperantistoj el deko da landoj. Ĉiu ludas samtempe du partiojn kun ĉiuj aliaj sur tabuloj 13x13 kampoj. El Jugoslavio la turniron partoprenas Aleksandar Kocian el Osijek.

## ALP-ADRIA E-KOMITATO EN ZAGREBO

La 19-an de novembro 89 kunsidis la unuan fojon Kunordiga Komitato de Esperantistoj el Alp-Adria Regiono en Zagrebo. Partoprenis 10 delegitoj kaj 4 observantoj. Estis elektita prezidanto: Dro Heinz Paul Kovacic el Graz kaj sekretario Zlatko Tišljar. Centra Oficejo estos IKS el Zagrebo. La laborprogramo por la 2 jaroj (90 kaj 91) enhavas plurajn elementojn inter kiuj ĉefas la celo iom post iom eniri oficiale kiel subkomisiono en la interŝtatan kunlaboron Alp-Adrian. Tiusence jam okazis interparoloj kun respondeculoj pri kulturo kaj edukado en Kroatia Parlamento kiuj subtenos la E-iniciaton. Oni aŭdis raportojn inter kiuj la organizantojn de la 2-a Konferenco de Alp-Adriaj esperantistoj kiu okazos en la 2-a semajnfino de septembro en hungara urbeto Koszeg.

## PROGRESO DE LA ZAGREBA METODO EN 1989

En 1989 aperis aro da novaj adaptoj de la Zagreb-metoda lernolibro. Unue aperis la **finna** adapto far de sinjorino Klemola, poste aperis 3-a eldono de la **hungara** adapto far de sinjoro Csiszar kaj laste la **korea** kaj **japana** eldonoj (uzitaj jam en la somera kunloĝado de japanaj kaj koreaj gejunuloj en Japanio). Oni preparis intertempe ankaŭ la albanan eldonon (adaptita de sinjoro Bajraktari) kiu nun estas prespreta kaj la svedan adapton faris sinjorino Dorr. La Metodo estis praktite prezentita en la UK de Brighton kaj priparolita en la skandinavia instruista seminario en Kungelv en Norvegio. Okazis plia internacia semajnfina kurso inter Zagrebanoj kaj Gorizianoj (Italio): la unua semajnfino okazis en Zagrebo en novembro kaj meze de decembro la 2-a semajnfino en Gorizio. Partoprenis nur gejunuloj tre sukcese tiel ke ili jam sufiĉe bone regis la lingvon post la dua parto de la kurso.

## NOVA ESPERANTO-REVUO EN SOVETUNIO

Novaj vivkondiĉoj en Sovetunio obligas revivigon de Esperanto-vivo kaj aperon de soci-kultura revuo en Esperanto LA ONDO.

En ses numeroj jare, kun fotoj kaj karikaturoj la revuo planas alporti freŝajn informojn pri sociaj kaj politikaj problemoj de la nuntempa Sovetunio. La redaktoroj anoncas

artikolojn pri naciaj kaj kulturaj procedoj de Baltio, Karabaĥ, Moldavio, judoj...

Speciala prezo por Jugoslavio ekvivalento de 10 guld. ĉe peranto Internacia Kultura Servo, Amruŝeva 5, Zagreb

al IKS en Zagrebo kiu plu sendos al ŝi.

La agrabla restado de Zagrebanoj en Ateno okazis ĉefe dank al sinjorino Pontika kaj la kunlaboro ekde nun certe plifortiĝos.

Z. Tišljar

## ESPERANTO-KUNLABORO ZAGREBO-ATENO

Grupo de 15 esperantistoj el Zagrebo organizitaj de Internacia Kultura Servo vizitis inter la 28-a de novembro kaj 2-a de decembro 1989 Atenon. Helena Esperanto-Asocio kaj la loka Atena Klubo akceptis la esperantistojn de Zagrebo tre kore.

En la sidejo de grekaj esperantistoj la zagrebanoj pasigis 3 horojn la 30-an de novembro en amika interparolo, interŝanĝo de informoj, priparolo de estonta kunlaboro. La grekaj esperantistoj eĉ aranĝis koncerteton de greka koruso kiu kantis kelkajn grekajn popolkantojn. La postan tagon la grupon akompanis greka esperantisto Kosta Zaharakis dum ekskurso al Sunion helpante per klarigoj. Atenaj esperantistoj ekde 1989 disponas pri unuhora radioelsendo en Radio Ekologio ĉiuĵaŭde kiun gvidas Maria Pontika. Ŝi havis ĉi-foje gaston el Jugoslavio en la radiointervjuo daŭranta kun muzikaj interaktoj pli ol duonhoron.

Ni menciu ke la menciita radio elsendo enhavas krom E-parton ankaŭ parton pri ekologio kaj virinaj aferoj. Ni utiligas ĉi tie la okazon peti ĉiujn kiuj disponas pri iuj informoj aŭ faka kono pri tiuj du kampoj sendi materialojn rekte al sinjorino Pontika (Agiu Meletiu 53, Ateno) aŭ

## GRAZ - ZAGREB

La 10-an kaj 11-an de februaro 1990 gastis en Zagrebo 8 novaj esperantistoj el Graz (Aŭstrio). Ili loĝis ĉe Zagrebaj esperantistoj, vizitis la urbon kaj havis A-ekzamenon. Tiel estas daŭrigata ĉiam pli kontinua kunlaboro inter Zagreb kaj Graz baze de la komuna lernolibro. La aranĝon organizis IKS kaj la gvidanto de la Graza grupo estis Martin Gritsch.

## 2-a ALP-ADRIA ESPERANTO-KONFERENCO

La konferenco okazos de la **6-a** ĝis la **9-a** de **septembro 1990** en **Koszeg** (Hungario). Temo: Kultura Kunlaborado per Esperanto en Alp-Adria Laborkomunumo. Administra adreso: Express Utazasi Iroda, Bajcsy-Zs.u. 12, H-9700 Szombathely.



## "ZELENI" FRANCUSKE ZA ESPERANTO

Na svom jesenskom skupu održanom u Marseilleu udruženje "zelenih" Francuske je većinom glasova prihvatilo esperanto kao "međunarodni jezik za razmjenu s drugim 'zelenim' čiji jezik ne poznaju". Detaljnije informacije: Ekologio-Esperanto, 38 rue Jean Moulin, F-33220 Ste Foz la Grande.

## EŬROPA KOMUNUMO

Esperanto-Klubo "La Konko" en Oostende, Belgio lanĉas "eŭropan premgrupon" sub la nomo Eŭropa Manpremo, celante kolekti subskribitajn deklarojn favore al la disvastigo de Esperanto apud la naciaj lingvoj kiel "rimedo por nediskriminacia komunikado". Adreso de la klubo: Paul Michielslaan 10, B-8400 Oostende.

## EL RUMANIO

Esperantistoj el urbo Cluj-Napoca organizas bildkart-ekspozicion pri **urbodomoj de la mondo**. Bonvolu sendi al ili tiuatemajn bildkartojn kaj ili reciprokos per bildkarto de ilia urbodomo. La adreso: Esperanto-Klubo, 3400 Cluj-

INTERNACIA KULTURA SERVO (Međunarodni centar za usluge u kulturi) - Zagreb, posedas **tele-faks**-aparaton kontakteblan je numero:

FAX **041/ 421 294**

## SO GILSU

Estrarano de UEA pri scienco kaj azia agadoj D-ro So Gilsu el Seulo, en januaro 1990 prelegvojaĝis tra Jugoslavio dum sia travojaĝo de Orienta Eŭropo.

Krom gastprelegoj en Sarajevo kaj Banjaluka aparte elstaris lia prelego por ekonomiistoj en Komerca Ĉambro de Kroatio, samkiel lia prikultura prelego en Zagrebo la 18-an kaj 19-an de januaro.

## VINLISTO EN ESPERANTO

Ne nur la vinon Esperanto, sed tutan Esperant-lingvan liston kun ĉiuj siaj vinoj ofertas la vinberkulturisto Anton Kiefer el Edenkoben, FR Germanio.




<u>Loko:</u>Hungario, vilaĝo Baks /ĝi situas 35km norde de urbo Szeged apud la rivero Tisza/, en la lerneja sporthaleto /eblas ankaŭ tendumi/, senkomforta

<u>Nepre kunportu:</u>dormsakon, matracon, manĝaĵon aŭ monon, bankoetumon, sportŝuon kaj saluton!

<u>Kion ni faros?</u> Vizitos vilaĝanojn, kamparanojn eĉ kooperativon
Kune ekskursos, sportos kaj naĝos

<u>Aliĝo:</u> per poŝtkarto ĝis I-a de junio 1990

<u>Kotizo:</u>
kun aliĝo { por orientanoj 300 Ft / por okcidentanoj 20 DM } surloke

<u>Sen anonciĝo la prezo duobliĝos!</u>

<u>Kontaktadreso:</u> Ŝoma Hungario 6768 Baks
tel.:62 75 037

# MALLONGE

- **"Ora girlando de Poezivesperoj de Struga"** prezentas po unu poemon de 24 diversnaciaj poetoj premiitaj dum pasintaj 24 jaroj en tradiciaj poeziaj renkontiĝoj de makedona urbo Struga. Esperantlingvan version eldonis Centro por Radio kaj Preso el Ohrid kaj Makedonia Esperanto-Ligo.

- **"Vojaĝo al Orienta Eŭropo – Pollando, Jugoslavio, Hungario"** estas noveldonita libro en korea lingvo. Verkis ĝin Puramo Chong, la ĉefredaktoro de "La Espero el Koreio", kiu plurfoje vizitis koncernajn landojn okaze de diversaj Esperanto-renkontiĝoj.

- **EUROKKA (Esperanto-Rok-Asocio)** fondiĝis en 1988. Ĝiaj celoj estas diskonigi Esperanton al rokmuzikistoj kaj gejunuloj per la Esperanto-Rokmuziko, organizado de esperantaj rok-koncertoj, regula informado kaj diskonigo de Esperanta Rokmuziko pere de lokaj radio-stacioj kaj gazetoj kaj vendado de diskoj kaj kasedoj. Adreso: Esperanto-Rok-Asocio, F-31450 Donneville, Francio.

- **IJK '91 kaj '94** – Internacia Junulara Kongreso en la jaro 1990 okazos en Kubo kaj en 1991 en Svedio. Krome oni jam planas ke la 50-a IJK okazu en 1994 en Koreio.

- **Esperanto-Centro Halle** estas nove fondita servo kiu zorgos pri organizado de intensivaj internaciaj lingvo- kursoj dum la tuta jaro. Adreso: Esperanto-Centro, p/a Schleiemacherstr. 37, Halle, DDR-4020.

- **58-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj** okazos komence de aŭgusto 1990 en **Sarajevo**.

- **Prospektoj**. Lastatempe aperis pluraj koloraj prospektoj pri Suda Koreio (petu ĉe Korea E-Junularo, Pk. 4258, Seulo), Ĉeĥoslovakio (petu ĉe ČEDOK, Esperanto-Centro, Na Prikope 18, CS-11135 Praha 1) kaj pri la urbo Sabadell (petu ĉe Urba Komisiono, Canonge Joncar, 122-lletra D, E-08208 Sabadell).

- **EXPO '92**. La Universala Ekspozicio de 1992, en la hispana urbo Seviljo, uzas Esperanton kiel unu el siaj informaj lingvoj. Por la detaloj pri la Ekspozicio skribu al Manuel Moraleda, Departemento pri Propagando, EXPO '92, Recinto de La Cartuja, E-41010 Sevilla.

- **1990 INTERNACIA ALFABETIGA JARO**

1990.- Međunarodna godina opismenjavanja

**U N E S C O**



# Što nakon tečaja?

*Neke od mogućih odgovora na ovo često pitanje ponudio je u svom članku objavljenom u časopisu "Esperanto" (siječanj 1990) Joachim Werdin. Ovaj sažeti prijevod njegovih prijedloga neka bude i poticaj za razmišljanje i obogaćenje jer se ovim, naravno, ne iscrpljuju sve mogućnosti.*

1. **Dopisujte se.** Tisuće ljudi širom svijeta želi se dopisivati na esperantu. Njihove adrese objavljuju mnogi esperantski časopisi u kojima i vi možete objaviti oglas. Osim toga postoje i posebno organizirane službe koje pomažu pri pronalaženju partnera za dopisivanje.

2. **Posjećujte esperantske susrete.** Svake ih se godine održava nekoliko stotina širom svijeta. Najpoznatiji su UEA i TEJO kongresi, konferencije raznih esperantskih strukovnih organizacija, kulturne manifestacije i festivali, međunarodna putovanja, ljetovanja i kampiranja.

3. **Slušajte radio emisije na esperantu.** Petnaestak radio stanica širom svijeta redovno emirita programe na esperantu.

4. **Pretplatite se na neke esperantske časopise.** Oni su izvor mnogih zanimljivih i korisnih saznanja. Neki od njih se mogu naručiti u više od 70 zemalja.

5. **Pišite za esperantske časopise.** Mnogi urednici rado će objaviti vaše priloge.

6. **Čitajte knjige na esperantu.** Pruža vam se jedinstvena šansa da čitate izvorna djela napisana samo na esperantu. No, možete čitati i dobre prijevode poznatih djela svjetske književnosti. Svako će pronaći nešto za sebe.

7. **Pišite i prevodite knjige.** Time ćete pridonijeti bogatstvu esperantske (ili vaše nacionalne) literature.

8. **Razvijajte i obogaćujte svoje interese.** Više od 50 stručnih međunarodnih organizacija koristi esperanto. Pridružite im se shodno vašem interesu.

9. **Koristite esperanto u svom profesionalnom radu.** Kontaktirajte esperantiste vaše profesije iz raznih zemalja. Takva međunarodna suradnja će koristiti i vama ali i prestižu esperanta na profesionalnom nivou.

10. **Studirajte ili podučavajte** u Međunarodnoj akademiji znanosti Sanmarina čiji službeni jezik je i esperanto.

11. **Putujte pomoću esperanta.** Kada putujete s neesperantskim turističkim organizacijama posjećujete mjesta, zgrade i stvari, a kad putujete s esperantistima vi posjećujete sve tio ali se susrećete i s ljudima i stvarate prijateljstva. Esperantski aranžmani su često i jeftiniji, a moguće je koristiti i neke pogodnosti obiteljskog ugošćavanja koje koordiniraju posebne službe kao npr "Pasporta Servo de TEJO".

12. **Osnujte međunarodno poduzeće** (trgovačko, turističko ili sl.). Mnoge esperantiste zanima takav oblik poslovne upotrebe esperanta.

13. **Podučavajte esperanto.** Širom svijeta nedostaju kompetentni voditelji tečajeva i nastavnici esperanta.

# HUMURO

**EDZIĜA PROPONO**

"Patrineto, mi ricevis leteron de sinjoro Roberto. Li petas mian manon; ĉu vi permesas, ke mi ĝin donu al li?"

"Sinjoro Roberto? Ho, mia naiva, ĉu vi bone komprenas la dezirojn de sinjoro Roberto?"

"Legu do mem, patrineto, kion li skribas: Fraŭlino, donacu al mi vian manon! Mi povas vivi nur por vi! Per floroj kaj baloj mi plenigos vian tutan vivon! Kun via kiso mi iros al la fino de la mondo!"

"Ha, ha, ha! Sed vi ja tute ne bone legis la leteron! Rigardu, kion li skribas: Fraŭlino donacu al mi vian **monon**! Mi povas vivi nur **per** vi! Per **ploroj** kaj **batoj** mi plenigos vian tutan vivon! Kun via **kaso** mi iros al la fino de la mondo!"

---





"Silentu, dum mi telefonas!"


*"Mi ne volas edziniĝi al li, kiam li estas ebria, sed li ne volas edziĝi al mi, kiam li estas sobra . . ."*




# DANKO .

## ( Fala )

muziko: *Vlaho Paljetak*

vortoj: *Dragutin Domjaniĉ*

traduko: *Zvonko Rehoriĉ*

Por ĉiu bela vort'
Al mi el koro via,
Pro milda la rigard',
Kaj rid' jen danko mia

Malmulta ĝoj' kaj bon'
En vivo nia estas,
Kaj se aperas sun',
Post nubo tuj forestas.

Kaj vi en mia kor',
ja estas sun' magia,
Ĉi danko, jen al vi,
El tuta koro mia.

# Revo en ŝtono

Nur suno, suno, suno
kaj mevoj dumfluge vizitantaj
vian revon
sur la ŝtona dekliv' de Mosor.

Oj ventoj, ventoj, ventoj
nur la ventoj konas vian vizaĝvarmon,
spiron
kaj herbospiradon en karstvaloj.

Nordventoj kaj pluvoj
lulkantas al vi
nordventoj kaj pluvoj.

Nur suno, suno, suno
kaj mevoj dumfluge vizitantaj
vian revon
sur ŝtona dekliv' de Mosor.



# JURE KAŜTELAN

(1919 - 1990)

*La poezio de Kaŝtelan estas siaspeca dialogo kun si mem, sed dialogo de aparta graveco por homo. Li estis originala poeto kies poezio moviĝas de nehumano en homo ĝis lia kunkreskado kun revolucio, interpretata kiel ribelo kontraŭ malbono kaj senhomeco.*

*Jure Kaŝtelan forpasis la fine de februaro 1990 en Zagreb.*

* * *

*La ĉi-paĝajn liajn poemojn tradukis Lucija Borĉiĉ.*

# Komenco

La fin' ĉiam komenco estas. Nur paŝ-distancas
la pordo alvojanta.

Tra la pordo vi eliras kaj la vojo jam
kosmas aperta senelira.

Iĝos ĉi inundo rivero ege fekunda, kristale
lazura spegulo suna.

Ŝtorm' ĉiam elĉielas, antaŭas ĝin pedik'
kaj fantomo.
Nur paŝdistancas la pordo alvojanta.